# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

*Lingvoilo Google Translate Plena Ilustrita Vortaro*

**PLENUMITA 23/03/2017 Tricentdekkvara eldono (unua eldono 20/09/2011)**





Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**




SENDATA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Oni povos metu siajn nomon, retadreson, kaj nomon de siaj lando kaj urbo al la ricevanta listo rspring@tpg.com.au

Ekstudis pli ol **779,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

## La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.



http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# GRAMATIKA EKZERCO. 13.



Dum la epitetoj rekte difinas alian vorton, la difinantaj Suplementoj faras tion per prepozicio. Jen kelkaj ekzemploj: 1). La ŝipoj SUR LA MARO (aŭ La SUR LA MARO ŝipoj, aŭ La surmaraj ŝipoj) alportas la varojn DE ALIAJ LANDOJ (aŭ: la DE ALIAJ LANDOJ varojn aŭ la varojn alilandajn)(Obj.) (Notu ke "DE" signifas "apartenanta al") al nia lando EN EŬROPO (Adj.). 2). La malsupriro EN LA GROTON (aŭ La EN LA GROTON iro malsupren) daŭris la tuton DE UNU HORO (aŭ: la DE UNU HORO tuton, aŭ: la unuhoran tuton). Ankaŭ: "La konstruaĵo DE ĈI TIE", kaj la epiteto "La konstruaĵo ĈI TIE, kvankam pli ĝustas la epiteta "La ĈITIEA konstruaĵo".

Marcel Leereveld.

P.S. La leganto ne bezonas ĉagreni se ŝi/li faras erarojn en la arĥitekturo de Esperanto, ĉar multe pli danĝerus fari erarojn en la arĥitekturo de domo nubskrapa. M.L.

Marcel Leereveld.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagata kafo La 18an de Marto venis la kutimaj kvin Esperantistoj, Roger, Chris, John, Eunice kaj Ian.



*Mi ĉeestas tiun bonan Esperantan klubon kaj raportis al AE pri la klubo. Roger Springer*



La libro "Tre Privata Sinjoro" kiun Martin Booth verkis, adaptiĝis en filmo nomita "La Amerikanulo". (La Usonano) George Clooney ĉefrolas. Mi ne rigardis la filmon sed la romano estas tre ĝuinda.
La privata sinjoro faras kaj muntas pafilojn kiujn murdintoj mendas.
Li kaŝas sin mem en malnova itala urbeto. Tamen, li malbone parolas la italan lingvon do kiam li kaj la lokanoj volas babili ĉe la trinkejo, li diras ke oni devas uzi "bastardan Esperanton" (paĝo 112 en la libro) por kompreni unu kaj la alian. Ju pli oni trinkas des pli la vortoj ŝanĝiĝas. Interesa figure.

Mi scivolas, dum nia sabata renkontiĝo, ĉu ni babilas tian manieron. Certe ne Roĝero kaj Eunice.

La cetero? Eble ni uzas tian , sed ne tro ofte mi esperas ĉar ni nur trinkas kafon.



*Chris Holliss*

(Por havi raporton en AE, via klubo bezonu sendi informon/raporton al AE)

# EnigmoFandejo

## Esperantaj Krucvortoj




PuzzleFoundry estas unika retejo kie oni povas krei, publikigi kaj kunhavigi la proprajn krucvortojn: eg: https://puzzlefoundry.com/CrosswordDo?xwid=1038

PuzzleFoundry (EnigmoFandejo) aktuale estas realigita en kvin lingvoj (Esperanto, afrikansa, angla, germana kaj hispana). Ĉiun lingvon subtenas vortaroj (tezaŭroj), per kiuj oni povas serĉi vortojn por eble elekti la plej taŭgan vorton por vortenigmo.

Krei krucvorton por viaj amikoj kaj aliaj esperantistoj ne estas tiel malfacile kiel vi eble supozas. Legu la vikiojn por laŭpaŝaj instrukcioj kaj vidigi ekzemplojn de krucvortoj kreitaj de aliaj membroj: https://puzzlefoundry.com/CrosswordLists

La vortaroj de PuzzleFoundry kaj la vortserĉoj estas utilaj por lingvistoj kaj poliglotoj: https://puzzlefoundry.com/WordSearch?lang=eo
Oni bontenas la vortarojn per ĉi tiu retejo - niaj esperantaj kaj afrikansaj vortaroj estas speciale konstruitaj por PuzzleFoundry.

La vikioj enhavas iujn interesajn statistikojn pri la vortaroj kaj ligoj inter ekvivalentoj en la diversaj lingvoj:
https://puzzlefoundry.com/wiki/eo/VortaroStatistiko

Baza membreco estas senpaga - aliĝu por krei vian unuan krucvorton.
Ora membreco ebligas al vi aliri pluajn funkciojn:
https://puzzlefoundry.com/wiki/eo/Roloj.
Pluaj detaloj pri la retejo troviĝas en ĝiaj vikioj (en kvin lingvoj):

https://puzzlefoundry.com/wiki/eo

PuzzleFoundry estas bontenata kaj plibonigata de membroj.
Mi bonvenigos viajn komentojn pri PuzzleFoundry.

Informis *Donald Rogers* Novzelandano

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La UK-n en Seulo. Ĉu vi iros?

Mi, Katja Steele, intencas partopreni la UK-n en Seulo. Ĉu estas iu alia, kiu intencas veturi al Koreio?

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El Adelajdo



Stel-ulo Michael

## LA UNUA REKLAM-VESPERO EN LA CENTRA BAZARO

*Ĉeestis: Katja, Trevor, Sandor, Helen, Michael, Charles*






Siatempe Michael Carney rakontis al ni, ke la melburnanoj renkontiĝadas en publika loko kun ŝildo surtable. Laŭ ĝi oni scias, ke la homoj parolas tie Esperanton. Antaŭnelonge Benno Lang levis similan ideon ĉi tie en Adelajdo, ni do decidis finfine agi. La unua provo estis en la vendredvespera centra bazaro. La loko agrable zumis de aĉetantoj kaj vespermanĝantoj kaj nia grupo de ses esperantistoj aldoniĝis al ĝi. Bela ŝildo anoncanta, ke ni parolas Esperanton, vokis siajn legantojn aldoniĝi al ni.

Venis unu iama studentino de Sandor, estis bone revidi ŝin. Neniu interesiĝanto alparolis nin, sed certe multaj legis nian anonceton. Venontfoje ni certe estos pli sukcesaj.

Informis *Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Ateliero pri Esperanto en Brazilo

Ni volas kundividi kun vi bonan novaĵon: Je la 1-a de Marto, ni de Legio de Bona Volo, partnere kun Esperanto-Asocio de San-Paŭlo (EASP), sukcese okazigis senpagan atelieron pri Esperanto, en la ĉefurbo San-Paŭlo, Brazilo. La celo estis veki la intereson de la ne-esperantista loka komunumo lerni la lingvon internacian. La partoprenantoj havis la okazon enskribiĝi en ĉeesta baza kurso proponata de EASP. Por pliaj informoj, surklaku la ligilon: LBV okazigas atelieron pri la lingvo internacia partnere kun EASP




En la artikolo, vi ankaŭ legos pri la vizito de niaj karaj gesamideanoj de EASP en la Edukejo de Bona Volo, kiu okazis en la sama tago. B.v, diskonigu per viaj retlistoj kaj ĉe via E-komunumo tiun novaĵon. Antaŭdanke, ni dediĉas al via koro la sekvan penson de verkisto Paiva Netto:

*"Esperanto estas altega idealo, kaj ĝia ligiĝo al LBV alportas eksterordinarajn profitojn al la Homaro."*

*Maria Aparecida da Silva* www.bonavolo.com www.paivanetto.com/eo

# Mia plia kaj lasta vivo soldata .



Unu jaron antaŭ la german-nederlanda milito de 1939 la nederlanda registaro mobilizis ĉiujn kiuj antaŭe faris sian militservon. Tio okazis ĉar Germanujo okupis parton de Ĉeĥoslovakujo. Ankaŭ mi do devis militservi, sed ĉar pro stomakproblemo mia kuracisto jam antaŭe receptis dieton por mi, mi petis lin ree kaj nundate skribi deklaron ke pro stomakulcero mi bezonas sekvi certan dieton. Do ĉe mia alveno en la kazerno mi donis tiun kuracistan deklaron al la min traktanta serĝento kaj diris ke mi ne povas manĝi la normalan manĝaĵon armean. Ne estis por ne mobilizati ke mi diris tion. Kaj mi kaj mia kuracisto kredis tiutempe, tre verŝajne malĝuste, ke mi havis stomakulceron. Nu, tio estis problemo por la serĝento, ĉar en la armeo ne haveblis specialaj dietaĵoj. Li do decidis priparoli tion kun sia kapitano kaj ordonis al mi sidiĝi kaj atendi lian retrovenon. Sed ĉar post du horoj li ankoraŭ ne retrovenis, mi pensis ke oni forgesis min. Ĉar estis neniu persono ĉirkaŭe, mi decidis hejmiri, kaj la sekvantan tagon mi retroiris al mia laboro en la germana sed sekrete kontraŭhitlera banko, kie oni reakceptis min kaj, krom la normalan laboron, ree donis al mi la kutiman dietan manĝaĵon matenan.



Tio daŭris duonan jaron, ĝis la armeo trovis ke mi mankis, kaj sendis al mi leteron ke mi devas klarigi mian foreston kaj ke mi tuj devas reeniri la armeon. Evidente ili pensis, ke mi eskapis intence.

Ĉar nun mi opiniis ke mi preferis labori ol perdi mian tempon en la armeo, kaj ĉar plu estante junuleca miskuraĝulo, mi tuj retroskribis leteron kaj enpoŝtigis ĝin dum la biciklado al la laboro. Tiu letero alvenos la saman tagon, ĉar en Amsterdamo oni metas poŝtaĵojn en malgrandan skatolon pendantan ĉe la malantaŭo de tramo, kaj tuj kiam la tramo pasas la poŝtoficejon oni elprenas la leterojn por distribui ilin. Cetere en tiu urbo la poŝtisto venis trifoje tage, kvankam sabate nur dufoje kaj dimanĉe unufoje, alporti viajn poŝtaĵojn al via domo.



En la letero mi stulte diris, ke mi ne volis kunlabori kun la stulta armeo kaj ke ili lasu min en paco. Hazarde, alveninte al la banko, mi montris kopion de mia letero al amika kolego, kiu ektimis dirante ke pro mia foresto kaj pro mia ofenda letero la armeo forte punos min. Li kun mia permeso montris la leterkopion al nia

nederlanda vicdirektoro, kiu hazarde havis altan rangon volontulan en la armeo. Tiu tuj telefonis la distribufakon de la poŝto kaj petis ilin trovi mian leteron inter la centoj. Ili trovis ĝin kaj alia bankoficisto iris por kolekti ĝin. Post tio la subdirektoro verkis afablan leteron por mi por sendi, klarigantan ke mi ne iris hejmen por eskapi, sed pro miskompreno.

Kvankam tiel mi maltrafis enmalliberejigati, pro la interveno de mia bankmastro kiu eble eĉ kontaktis la armeon mem, mi tamen devis mobilizati la sekvontan tagon. La sama serĝento klarigis al mi, ke lia ĉefo plendis ĉar li malpost duona jaro perdis min. Sed mi ree postulis mian specialan dieton per la deklaro de la kuracisto. Sekve oni tuj sendis min al la de la armeo transprenita katolika malsanejo en Amsterdamo. Mi pasigis unu monaton kuŝante sur lito en granda ĉambrego, kun soldatoj kun diversaj malsanoj. Mi ne ŝatis la stomakdoloran dieton tie, kaj tial miaj gepatroj ofte kaj sekrete alportis pli bonajn manĝaĵojn, kaj tial mi povis ofte doni mian malsanulejan porcion al mia najbaro, kiu daŭre malsatis ĉar la monaĥinoj ne volis doni al li pli da manĝaĵo, kvankam li malsanis ne pro digestproblemo sed pro rompita kruro. Hazarde li estis ankaŭ katoliko. Li ĝuis miajn manĝaĵojn.

La armeaj kuracistoj faris kelkajn malgravajn testojn pri mia stomako sed ne evidentiĝis interesitaj. Eble ili pensis ke mi nur ŝajnigis malsanon por malmobilizati, ĉar ili sendube sciis mian antaŭan soldatan historion, kaj ankaŭ ke mia patro estis militrifuzanto. Do post monato ili donis al mi certifikaton dirantan ke mi forlasas militan servadon pro medicina difekto. Do mi povis retroiri labori en la banko, dum la tempo malpost la kvintaga milito nederland-germana kaj dum la unuaj jaroj de la okupado.



Ekde la aĝo de dek jaroj ĝis la malmobilizo mi kaj ĉiuj kuracistoj ĉiam pensis, ke mi havis stomakulceron. Ili simple donis al mi pilolojn. Ankaŭ mia unua kuracisto, kiu post kelkaj jaroj mortis mem pro stomakulcero. Sed post rehejmiĝo el la armemalsanejo mi iris al fama kuracisto neoficiala, kiu nenion sciante pri mi rigardis en miajn okulojn kaj diagnozis mankon de ulcero sed ke la dolorojn kaŭzis nervo ĉe la elirejo kiu fermis certatempe la eliron de la stomako. Li sekve gratulis min por esti elĵetita el la armeo pro ulcero kiun mi ne havis. Cetere li estis fama, sed liaj piloloj ne helpis min.

Ĉe la mallonga milito, kaŭzanta tamen multajn mortigojn, mi kaj ni estus povintaj nenion fari, eĉ ne mortigi germanojn, ĉar la germanoj, post averto, la duan tagon simple bombdetruis per multegaj flugmaŝinoj la tutan centron de Roterdamo, kaj minacis ke la morgaŭa celo estis sammaniere detrui la historian urbon Utrecht kaj post tio la tre historian Amsterdamon. Por savi tiujn urbojn la registaro kapitulacis. Danujo pro tio kapitulacis la unuan tagon, kaj pro tio havis nur unu viktimon, kiu senbezone defendis la reĝan familion.



Notu ke dum la tuta tempo priskribita mi okupiĝis pri Esperanto kaj vizitadis mian Esperanto-klubon kaj ĉeestis Esperanto-kongresojn. Sed pri tio en posta verkaĵo.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# Esperanto Por UN

## Informilo de Marto 2017

(Bv. klaki por legi nian informilon en la reto.)

Oficejo de Universala Esperanto-Asocio ĉe Unuiĝintaj Nacioj: 777 United Nations Plaza, New York, NY 10017.

# NOVAĴOJ EL MIA ĜARDENO.



1e. Ne estas facila esti certa pri la efektoj sur la ĝardenon de la klimatŝanĝiĝo. Malpost proksimume dudek jaroj ni neniam vidis la blankajn kakatuojn en Melburno, sed tiam ili alvenis en grandaj aroj kaj dume estis granda ĝenaĵo en mia ĝardeno, la tutan tagon. Evidente ili grandare nun manĝas la junajn florojn de miaj tridek metrojn altaj cedroj. Mi plantis ilin malpost kvindek jaroj, ĉar tiam la nuran cedron en la ĝardeno mortigis la antaŭa posedanto. Evidente la semoj ekkreskas nur se la patrinarbo mortas. Mi plantis dekon da tiaj tre malgrandaj novaj cedroj, sed nun havas nur seson plu kreskantaj. (Notu ke la vorto “post” estas “after”, ne “behind”, kio estas “malantaŭ”, kaj ke “malpost” estas “before”, ne “in front of”, kio estas “antaŭ”.)



2e. Malpost dudek jaroj mi plantis la ĉinan arbon Gingko, ĉar dum miloj da jaroj la ĉinoj sciis, ke se oni trinkas bolitan akvon de ĝiaj folioj oni vivas multe pli longe. Mi atendis dudeksep jarojn malpost ol rikolti la foliojn, por vivi pli longe. Sed intertempe britaj reserĉoj eltrovis, ke tia foliabstrakto havas nenian influon sur nian vivlongecon kaj, mi supozas, nek sur la vivlongecon se oni loĝas en Ĉinujo. Do mi plantis ĝin kaj poste alian vane, kaj ne vivos pli longe se mi trinkos la aĉaĵon. Mi tamen ne mortigos la du arbojn, ankoraŭ junaj, precipe ĉar la arbo estis antaŭ miliono da jaroj konifero kun pingloj, kaj dum la tempo la pingloj kunfandiĝis en du platajn foliojn kaj poste la du folioj kunkreskis al unu folio. Se oni observas la folion oni povas klare vidi tiun historion. Cetere la folioj estas sezonaj.



3e. Observante la de mi antaŭ duonjarcento plantitajn arbojn mi konstatis, ke la eŭropaj arboj kiaj la tilio kaj la kverko kaj la acero kaj la sorbo kaj pluraj aliaj kreskas en Melburno multe pli alte ol en Eŭropo. Do pli malfacilas kolekti la tilioflorojn por fari la tilioteon. Same pri la fruktarboj.

*Marcel Leereveld.*

P.S. Amiko Peter Weide demandas “ kiel ni povas malhelpi tiajn eksplodojn de homa krueleco?” Sendube li demandis ĉar li ne scias la respondon kaj volas scii. Kial alie demandi? Nu, mi scias la respondon sed ne volas uzi ses paĝojn de A.E. por tio, eĉ se Roger permesus, kion li ne faras. Do aliaj bonestu doni al Peter la respondon kiun li petis. *Marcel Leereveld.*

# Komuna kunveno de du Esperanto-kluboj ĉe Wyong, NSK



La Esperanto-Klubo de la Centra Marbordo kaj Novkastela Esperanto-Societo kunvenis ĉe Albert’s Café, Wyong, Dimanĉon, la 19-an de Marto.

Estis malgranda sed plaĉa kunveno: kvar homoj (fakte, viroj) partoprenis: Alan Turvey, Eckhardt Roehrich, Jonathan Cooper (de la Centra Marbordo) kaj Andrew Spannenberg (de Novkastelo).

Ni rakontis pri eventoj, kaj pasintaj kaj venontaj, en niaj vivoj. Ekzemple, Alan informis nin pri lia oficiala invito al Japanio, de grupo de radioamatoraj esperantistoj.



Niaj kunvenoj okazas ĉiumonate je la tria Dimanĉo, inter 11:45 kaj 13:30. Ĉiuj bonvenas.
Por pli da informo, vidu la retpaĝon [esperantohouse.org.au/eo/events/cc/](esperantohouse.org.au/eo/events/cc/)
Raportis *Jonathan Cooper*

# Nova skanprojekto de la Kolekto por Planlingvoj kaj Esperantomuzeo!

Mi ŝatas sciigi vin, ke la Kolekto por Planlingvoj kaj la Esperantomuzeo realigis novan skanprojekton. Dum la pasintaj semajnoj la enhavtabeloj de kvin gravaj periodaĵoj estis skanitaj kaj nun konsulteblaj per la katalogo Trovanto. Ĉi kune mi sendas liston de la koncernantaj titoloj kun la ligiloj.

Grundlagenstudien aus Kybernetik und Geisteswissenschaft. Internationale Zeitschrift für Modellierung und Mathematisierung in den Humanwissenschaften (1960-2012) http://data.onb.ac.at/rec/AC01262463

La monda lingvo-problemo (1969-1977) http://data.onb.ac.at/rec/AC02733406

Language Problems and Language Planning (1980-2014) http://data.onb.ac.at/rec/AC00650520

Esperantologio (1999-2015) http://data.onb.ac.at/rec/AC05003222

Journal of Universal Language (2001-2014) http://data.onb.ac.at/rec/AC03512601

Korajn salutojn, Bernhard Tuider

Informis *Katja Steele*



**3ZZZ** La elsendo de la 20a de Marto estis dediĉata parte al la lingvo Esperanto parte al la Eŭropa Unio, de la revo de Karlo la granda ĝis la referendumo en Skotlando. Ĝi enhavas ankaŭ intervjuon de Rob Moerbeck pri federismo





Informis la kunvokanto,

*Franciska Toubale*

## Lernado de fremda lingvo postulas

Lernu legi la skribitan lingvon. Ofte ĝi ne agordiĝas kun la parolata lingvo....
Lernu la gramatikon. Ofte ĝi estas plena da esceptoj al la reguloj...............
Lernu vortliston taŭgan por via espera uzo..........................................
Lernu la standardan prononcon Ofte ne agordas kun la parolata lingvo..
Lernu la lokan parolatan lingvon.....................................................
Lernu la ĉiutagon mallongigitan parolatan lingvon...............................
Lernu la idiomojn de la lingvo .......................................................
Lernu kiel kompreni la parolatajn respondojn al viaj demandoj............

**Komparu Esperanton**
..Fonetika senescepta
..17senesceptaj reguloj
..Kunmetitaj vortoj
..Unu prononco
..Ne ekzistas
..Ne ekzistas
..Ne ekzistas
..Unu monda lingvo

*Roger Springer Ĉu vi povus pli bonigi tiun tabelon?* rspring@tpg.com.au